# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo Google Translate Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 08/06/2017 Tricentdudekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **888,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo. https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**Korekto por AE324** Helikoptro, same kiel el *winter* venas ne vintero sed vintro kaj el *pater* venas ne patero sed patro kaj el *tiger* venas ne tigero sed tigro. Helikoptero estas parto, ero, de helikopto. *Marcel Leereveld*. Vidu la AEA retpago por la korektitaj kopioj. *Roger.*



## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo

La 3an de Junio venis kvin Esperantistoj.



*Jay Jano Roger John Chris*

Jay Heussler (maldekstra) studas Esperanton per Duolingo kaj venis al nia klubo por aŭdi kaj uzi nian lingvon.

Pluveta kaj malvarma tago.

Spite al la vetero, ĝi estis bona Esperanto-tago.

Eunice ne venis ĉar ŝi havis familian aferon.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon kaj raportas al AE pri la klubo. Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.



## Bona rakonto kaj bona Esperanto

### Ĉapitro 1 Mia infanaĝo (8a parto)

Proksime al nia hejmo estis segejo, kie oni prisegis arbojn, kiuj alvenis ĉiutage. En la vesperoj ni iris tien kaj prenis iom da ligno, kiun ni bezonis por la fornoj, unu en la sidoĉambro kaj alia en la kuirejo, kaj ni bezonis ankaŭ lignon por la lavokaldrono.

Tiam ni havis krom katon ankaŭ hundon. La hundo nomatis 'Hansen', kaj la kato 'Gråper', ĉar ĝi estis griza. "Griza" estas "grå" en la dana, kaj "Per" estas mallongigo de "Petro". Li do nomatis "Griza Peĉjo". Vi jam konas lin, ĉu ne? Estas li, kiu ĉiam dormis sur la jutŝtofo !

Ĉar akvo ĉiam frostas dumvintre ni ne povis uzi la pumpilon. Ni devis plenigi metalan tineton per akvo. Tamen ankaŭ sur la akvo en la tineto formiĝis maldika tavolo da glacio, ĉar dum la vintro estas ofte tre malvarme en Danlando. Nu, unu el la ŝatokupoj de Gråper estis ĉirkaŭiri la randon de la tineto. Ne sciatas kial Gråper faris tion, katoj faras tiom da nekompreneblaĵoj, ankoraŭ hodiaŭ ni havas katon, Kleopanjo, mi do scias, pri kio mi parolas. Iun vesperon, eble li estis ebria, mi ne scias, sed Gråper falis tra la glacio, faris multe da bruo, kaj ni devis kuregi en la kuirejon kaj savi lin. Ni sidis kun li volvita en granda mantuko antaŭ la forno en la sidoĉambro. Iom post iom li ree aspektis kiel kato petolema. Tia kato estis Gråper. Pri Hansen mi ne memoras multon, nur ke li mortis, sed tion faris ankaŭ Gråper, kiam lia tempo pli poste venis.

Ne multaj venis por viziti nin. Nur kelkfoje venis fajrobrigadistoj, kiam la forno bruligis niajn vestojn, kiuj pendis sur seĝo antaŭ ĝi. Sed geonkloj Egil kaj Thora venis kelkajn fojojn. Ili venis kun sia maljuna hundo, Tarzan. Dum li kuŝis dormanta sur la planko, onklo Egil desegnis por ni infanoj !

Mia onklo Karlo, tajloro, kiu havis propran kudrejon en Tåstrup, urbeto iom okcidente de Kopenhago, kaj kiu iam laboris en tiu kopenhaga kudrejo kun la moviĝanta tondilo, havis krom kortbirdojn ankaŭ porkon kaj kelkajn orajn fiŝojn kaj gekaprojn. Estis decidite, ke ankaŭ ni havu kaprinon, por ke ni havu senpagan lakton.

*Daŭrigota*

*Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Du miskomprenoj.



**1). LA SUFIKSO "-AĴO".**

Ie iu iam asertis, ke la sufikso "-aĵo" post verba radiko povas signifi pli ol unu aferon. Ekzemple "transformaĵo" estas aĵo kiu transformas ion kaj samtempe aĵo kiu transformiĝas, kaj "venenigaĵo" estas io kio venenigas kaj io kio estas venenigita, ekzemple raŭpoj.

Bonŝance tiu iu ne pravas, ĉar la lingvo ne estus komprenebla, se ekzistus vortoj kun pli ol unu malsama signifo. Tio okazas en etnaj lingvoj, kun la rezulto, ke okazas miskomprenoj aŭ ke oni devas aldoni kromaĵojn por indiki la signifon.

Nu, kiuj estas en Esperanto la reguloj pri ĉi tiu fenomeno? Alivorte, al kio rilatas la sufikso "-aĵ-"?

La sufikso "-aĵ-", kiu havas substantivan karakteron, aldoneblas al ĉiuj vortkategorioj. Se kun adjektivo aŭ adverbo, ĝi estas la afero kun la karaktero de la adjektivo, ekzemple "dolĉaĵo" estas aĵo kiu estas dolĉa, "tujaĵo" estas programero kiu tuj venos, kaj "troaĵo" estas afero troa. "Kajaĵo" estas la afero kiu akompanas. Kun substantivo la aĵo rilatas al io koncerna la substantivon: "muzikaĵo" estas aĵo havanta muzikon. Kun prepozicio la aĵo posedas la karakteron de ties adjektivo: kromaĵo estas aĵo kiu estas kroma. Kun numeralo ĝi signifas aĵon kiu konsistas el tiom da partoj. Kaj "seaĵo" indikas la kondiĉon.

Post netransitiva verbo la aĵo estas tio, kio faras la agon. Do "okazaĵo" estas io kio okazas, kaj "restaĵo" io kio restas. Kelkfoje la verbo perdis la prefikson "pri-", do "ridaĵo" estas "priridaĵo", aĵo pri kiu oni ridas. Esperanto ja rajtas forlasi parton de kunmetita vorto.

Post transitiva verbo la aĵo estas la gramatika objekto de la ago: "manĝaĵo" estas la aĵo kiun oni manĝas, kaj "diraĵo" estas tio kion oni diras.

Do ekzistas klaraj reguloj pri ĉi tiu parto de la Esperanta gramatiko, kiel pri ĝiaj aliaj partoj.

**2). A D J E K T I V O J  E L  V E R B A J  R A D I K O J .**

Ie iu iam diris, ke adjektivoj el verboj, ekzemple "franda", povas havi diversajn signifojn, kaj ke tial ĉio ĝustas en Esperanto. Bonŝance tiu iu malpravis ke ĉio ĝustas en Esperanto. Estas nur teorie, ke "franda" kaj tiel plu povas havi plurajn signifojn. Kiel Esperanto solvas la problemon?

La fenomeno estas jena. Ĉar Zamenhof ne kreis koncernan regulon, adjektivo farita el la radiko de transitiva verbo povas nature havi tri malsamajn signifojn. Tiuj estas: Unue la adjektivo povas doni al sia substantivo la karakteron de la ago entenata en la adjektivo, pere de la prepozicio "pri". Ekzemple "aŭda problemo" estas problemo pri la ago "aŭdi", kaj "franda apetito" estus apetito pri frandi. Due la adjektivo povas difini la gramatikan subjekton de la koncerna ago, ekzemple "akompana" koncernas la personon aŭ la aĵon kiu akompanas, do la "akompana gvidisto" aŭ la akompana muziko, kiu akompanas. "Franda knabo" estus knabo kiu frandas. Trie ĝi povas difini la gramatikan objekton de la ago, kiel en "la parola lingvo", la lingvo kiun oni parolas. "Franda fromaĝo" estas en la angla *tasty* aŭ *appetizing cheese*, la fromaĝo kiun oni frandas.

La unuaj uzantoj de tia adjektivo decidas, devas decidi, kiun el la tri signifoj doni al la adjektivo. Ĝenerale la signifo elektita estas tiu, kiu plej ofte bezoniĝas. Tia elekto de la signifo de novuzata vorto aŭ kunmetaĵo okazas ankaŭ, laŭ neceso, ĉe aliaj specoj de vortoj.

Do en ĉi tiu kazo Zamenhof lasis al la uzantoj de Esperanto decidi la signifon, ĉar decidi tion oni devas. Cetere la samo okazas en etnaj lingvoj. Do ekzemple "franda" havas nur unu el la tri eblaj signifoj, la trian, en "franda fromaĝo", kaj se oni poste bezonas vorton por unu aŭ du el la aliaj eblaj signifoj, oni devas uzi pli longan vorton, ekzemple "prifranda apetito" kaj "frandanta knabo", kaj "primanĝa etiketo" aŭ "manĝanta fiŝo", krom "la manĝaj plantoj", kaj "priakompana servo" kaj "akompanata eksterlandano" krom "la akompana gvidisto".

Vidu en mia gramatiklibro "Lingvaj Resondoj" pli da ekzemploj en la artikolo "Adjektivoj el radikoj de verboj". *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# FLAGOJ DE LA MONDO

Sendis *Esther Parris*

| Flago | Lando Ĉu vi konas la flagojn? |
|---|---|
| | Landnomo: Afganio<br>Ĉefurbo: Kabul<br>Ŝtatestro: Ashraf Ghani |
| | Landnomo: Aŭstrio aŭ Aŭstrujo<br>Ĉefurbo: Vieno<br>Ŝtatestro: Alexander Van der Bellen |
| | Landnomo: Kaboverdo<br>Ĉefurbo: Prajo<br>Ŝtatestro: Jorge Carlos Fonseca |
| | Landnomo: Fiĝio<br>Ĉefurbo: Suvo<br>Ŝtatestro: Ratu Josefa Iloilovatu Uluivuda |
| | Landnomo: Estonio<br>Ĉefurbo: Talino<br>Ŝtatestro: Kersti Kaljulaid |
| | Landnomo: La Bolivara Respubliko Venezuelo<br>Ĉefurbo: Karakaso<br>Ŝtatestro: Nicolás Maduro |
| | Landnomo: Uzbekio<br>Ĉefurbo: Taŝkento<br>Ŝtatestro: Ŝavkat Mirzijojev |
| | Landnomo: Irlando (aŭ Ejro)<br>Ĉefurbo: Dublino<br>Ŝtatestro: Michael D. Higgins |
| | Landnomo: Jamajko<br>Ĉefurbo: Kingstono<br>Ŝtatestro: Andrew Holness |
| | Landnomo: Tanzanio<br>Ĉefurbo: Dodomao<br>Ŝtatestro: John Magufuli |

| Flago | Lando? |
|---|---|
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo<br>Ŝtatestro: |

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Kelkaj eksterĝardenaĵoj.



**Honoro al Chomsky, kun kritiketo.** Mi ŝatas aplaŭdi la opiniojn kaj agojn de Noam Chomsky, kiu mortis antaŭ nelonga tempo, pri la sociaj problemoj kaj por la agado por paco en la mondo. Lia laboro en tiu kampo estis tre valora kaj laŭdinda.

Mi laŭdas ankaŭ plurajn verkojn liajn pri lingvismo, lia profesia kampo.

Malalte mi taksas lian disertacion kaj verkon pri la "genera-transforma gramatiko". Kion li faras en tiu tezo estas laŭ mi senvalora, ĉar li simple donas sciencan matematikan veston al tio kion la malnovaj gramatikistoj jam faris, nome simple ŝanĝi la vortojn de la frazpartoj por ricevi alternativajn frazojn kun la sama gramatika formo aŭ por doni alternativajn frazpartojn. Tion jam regule faris la antaŭaj lingvistoj, sen la matematika vesto de Chomsky. Pro tio en universitataj studoj postgradaj mi nenion lernis el lia "genera-transforma gramatiko". Ŝajnas al mi, ke li volis doni


Noam Chomsky

sciencan aspekton al sia tezo por doktoreco kaj sciencecan aspekton al lingvismo ĝenerale.

Sed mi tre ŝatis aliajn liajn verkojn pri lingvismo, kreitajn poste.

Do mi aklamas la reston de lia verkado kaj agado.

*Marcel Leereveld*.

# Semajna raporto de Melburno

**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 4an de Junio tri homoj kuraĝis kunveni ĉe la tre malvarma Cafe Beer Deluxe. Eble estas tempo por esplori novan vintran kunvenejon.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 5an de Junio 5 homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni babilis, ludis, kaj manĝis kukon :)

**VENONTAJ KUNVENOJ** (Ni ne kunvenos Lundon la 12an de Junio pro la publika feriotago)

Dimanĉon 11an de Junio je 15:00 Dimanĉa kunveno, verŝajne ankoraŭ ĉe Cafe Beer Deluxe, Federation Square

Sabaton 24an de Junio je 19:00 Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street

NUNAJ SEKVANTOJ (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 808 Instagram – 73
Facebook – 294 Telegram – 20
Twitter – 256

*Joanne Johns*



**3ZZZ** En la elsendo de la 5a de Junio eblas ekscii pri la historio de Esperanto kaj la esperantistoj en Aŭstralio dank'al Charles Stevenson kaj ricevi pli da konsiloj pri sano

Mi aldonas ke la jarkunveno de la grupo, la 3an de Junio, estis elreviga sperto: nur kvar homoj ĉeestis, kio ne permesas viglan diskuton .Espereble venontjare estos pli da interesitoj

**Franciska Toubale**

## *.Lernado de fremda lingvo postulas*

*Lernu legi la skribitan lingvon. Ofte ĝi ne agordiĝas kun la parolata lingvo..*
*Lernu la gramatikon. Ofte ĝi estas plena da esceptoj al la reguloj..............*
*Lernu vortliston taŭgan por via espera uzo...........................................*
*Lernu la standardan prononcon Ofte ne agordas kun la parolata lingvo..*
*Lernu la lokan parolatan lingvon.........................................................*
*Lernu la ĉiutagon mallongigitan parolatan lingvon................................*
*Lernu la idiomojn de la lingvo .........................................................*
*Lernu kiel kompreni la parolatajn respondojn al viaj demandoj............*

*Roger Springer Ĉu vi povus pli bonigi tiun tabelon?* rspring@tpg.com.au

**Komparu Esperanton**
..Fonetika senescepta
..17senesceptaj reguloj
..Kunmetitaj vortoj
..Unu prononco
..Ne ekzistas
..Ne ekzistas
..Ne ekzistas
..Unu monda lingvo

Manly Daily

MANLYDAILY.COM.AU | WEDNESDAY, JUNE 7, 2017

LETTER

UNBELIEVABLE. How wou
ease parking and co
If Bella Buda (pictured)
notice that there are alrea
tourists and visitors. Hel
putting Manly First and
Jan Pe

## Drivers need roundabout advice

FOR all those relatively new drivers taking to our roads, I would like to take this opportunity to advise that you do not have to signal (left) when driving through a roundabout.

By incorrectly signalling a left turn indicates to drivers waiting to enter the roundabout that you are turning left, and therefore assume it is safe for them to continue into the roundabout.

Consequently, by indicating left, then continuing through, could cause an accident.

So please brush up on your rules pertaining to "signalling when about to enter a roundabout". I also hope that driving instructors do the same, as this is a very dangerous habit which so many drivers have adopted.

**Chris Robertson, Bayview**

## Let's learn Esperanto

IF THE purpose of language learning is to create language knowledge and prevent language discrimination, then the study of Esperanto, which is a planned language, is the logical choice.

There are no exceptions to its grammar rules, it is phonetic, and uses word building to hugely reduce the vocabulary study. English speakers can recognise most of its basic words. A learnable language. It is at least five times easier than unplanned languages.

I lived in China for a year travelling to Esperanto clubs and visiting Esperantists. All over the world Esperantists treat other Esperantists as friends – as fellow world citizens. Just imagine a world where everyone speaks the same second language. Imagine the misunderstandings that could be avoided.

The free language learning site, Duolingo, included Esperanto in their selection in May 2015. To date 870,000 have started this course. The number now is increasing by 10,000 every week.

**Roger Springer, Manly**

## Thanks to council, my kayaks are gone

I WAS just wondering if anyone else was lucky enough to experience the inefficiency of the Northern Beaches Council recently with respect to their watercraft around Narrabeen Lagoon.

Having followed the directions on the orange stickers originally placed on the vessels, I contacted the council, downloaded and completed the form and emailed this back to the relevant person. I received acknowledgment of receipt of this and was told I had been placed on the list and further communication would follow. Since that time I received no further information subsequently had my kayaks removed from the lagoon. Needl
to say I was not pleased.

**Emma Bradley, Narra**

## We cannot sacrifice our trees for housing

I WAS incredibly disturbed to re
the letter that proposed cutting down trees as a solution to the housing issues of the northern beaches.

As a northern beaches youth (currently completing my HSC t
year), I can certainly see the housing price and age demograp
issue emerging on the northern beaches, which means that in fu
I will most likely not be able to afford to live here.

However, I would never sacrif
the gorgeous and essential bush
so I could continue living here. T
bushland seen from the Wakehu
Parkway is in fact Garigal Natio
Park to the west and Manly Dam

Letters should be no longer than 250 words. They must include the writer's full address (only the suburb is published) and a dayt
be concise and relevant to the local community. Letters are submitted on the condition that NewsLocal Newspapers, as publish